

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (13) 1/2011, januaro 2011

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 6an de januaro 2011 kompare kun la versio de la 3a de oktobro 2010.

## La ĉefaj projektoj

### Instruado pri interlingvistiko

La unuasemestran kurson pri interlingvistiko partoprenis sep studentoj, el kiuj ses ekzameniĝis. Unu studento forlasis la kurson pro personaj motivoj sen rilato al la kurso. En la momento de la redaktado de tiu ĉi bulteno, kvin studentoj sukcese trapasis la finan ekzamenon; unu devos prezenti sin al la riparekzameno de la 25a de januaro. La kompleta listo kun detaloj aperos en la aprila numero de la bulteno.

Kontribuis al ĉies fina noto ne nur po du klasikaj ekzamenoj, sed ankaŭ referaĵo pri mem elektita esplortemo el listo de kandidataj temoj. Ĉiu referaĵo konsistis el enklasa prezentado pri la esploro kaj finraporto. La kvin temoj traktitaj estis:

1. Tipologia priskribo de Volapük kun speciala dediĉo al la obeo aŭ malobeo de lingvaj universalaĵoj en tiu lingvo.
2. Tipologia komparo inter Volapük kaj Esperanto kun speciala dediĉo al la enkorpigo de geografie dominaj aŭ recesivaj trajtoj en ambaŭ lingvoj.
3. Priskribo de la 'logika lingvo' Lojban.
4. Malkovro kaj priskribo de la ĉefaj trajtoj de Interlingua surbaze de artikolo ĉerpita el la revuo Panorama.
5. Analizo kaj prijuĝo de la Esperanta traduko de nacilingva poemo (traktita estis la nederlandlingva poemo *La idioto en la bankuvo* de la poetino Vasalis).
6. Intervjuo kun Esperanta verkisto/tradukisto kaj studo pri tipe Esperantaj traduk-problemoj (la verkisto asignita estis Gerrit Berveling).

**Instruado de Esperanto**

Fine de novembro malfermiĝis la registroperiodo por ĉiuj libere elekteblaj duasemestraj kursoj. Ĝis la momento de la redaktado de tiu ĉi numero aliĝis al la Esperanto-kurso rekorda nombro de 18 studentoj (en la antaŭaj kvar jaroj ekzameniĝis po 9, 10, 14 kaj 12 studentoj).

**Nederlandse Taalunie (publikigo pri nederlandaĵoj en Esperanto)**

La 19an de novembro, okaze de la tridekjariĝo de Nederlandse Taalunie (NTU, Nederlanda Lingvo-Unio) aperis la 747-paĝa verkego *Nederlandse woorden wereldwijd* (Nederlandaj vortoj tutmonde, ISBN 978 90 12 58214 8), kiu donas detalan priskribon de la eksporto de vortoj el la nederlanda lingvo (en ĝiaj diversaj historiaj fazoj de la frua mezepoko ĝis la hodiaŭa tago) kaj listigas 17.560 tiajn eksportaĵojn en 138 lingvoj tutmonde. 'Eksportaĵoj' estas ne nur tiuj vortoj, kiuj estas etimologie pruveblaj kiel nederland-devenaj, sed ankaŭ tiuj de ajna deveno, sed restintaj sufiĉe longe en nederlandujo por akiri iun specifan novan signifon, kaj plumigrintaj kun tiu aparta signifo en la formo de pruntaĵo aŭ prunttraduko. Kiel redaktoro por Esperanto kaj la eŭska lingvo, mi trafosis ambaŭ lingvojn kaj atribuis la staton de nederlandaĵo al 230 Esperantaj kaj 100 eŭskaj vortoj. Estas preparata pli detala datenbazo, kiun NTU enretigos, verŝajne en 2011, por esploraj celoj. Pri ĝia apero informoj sekvos, kiam ili estos haveblaj.

Alkroĉitaj al tiu ĉi bulteno estas skanaĵoj de du paĝoj, interesaj por nia legantaro: p. 68 kun priskribo de Esperanto en la listo de 138 lingvoj, p. 192 kun la ekzempla vorto 'babordo'.

## Daŭre atentindaj

- La universitata kolekto pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estas trovebla sub: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De la bonveniga paĝo alklaku 'UvA catalogus' kaj serĉu libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.

## Aktualaĵoj

- La kurslibro pri interlingvistiko, kiu en la versio por la ĵus finita kurso estas ankoraŭ havebla en la fakultata vendejo, estos laŭbezone, sed ne draste, aktualigita por la lastaj planataj kursoj, kiuj okazos aŭtune de 2011 kaj 2012.

- Por la tuj okazonta Esperanto-kurso mi definitivigos la parte verkitan, parte verkotan materialon akompane al la devigaj lerniloj (lernolibro de Stano Marček, nederlanda-Esperanta vortaro de Petro De Smedt kaj la gramatika kompendio Poŝamiko de Beatrice Allée kaj Katalin Kováts). Ĉi-sezone ĝi aperos felietone, sed dum la lastaj du kursoj de Esperanto, printempe de 2012 kaj 2013) ĝi estos havebla kiel broŝurita eldonaĵo de la fakultato.

- Sub la titolo *Esperanto: a language made transparent?* mi preparis kontribuon pri Esperanto al anglalingva kompara studo pri la gramatika fenomeno 'travideblo' (*transparency*) laŭ la perspektivo de la Funkcia Diskursgramatiko. La studo traktas kelkajn lingvojn de tute malsamaj lingvofamilioj kaj aperos komence de 2011 kiel publikigo de ACLC (Amsterdam Center for Language and Communication), la

esplorcentro pri lingvistiko de UvA. Dum seminario de ACLC, la 19an de novembro, la provizoraj rezultoj (kun mencio de Esperanto) estis prezentitaj de la redaktinto kaj kunaŭtoro Kees Hengeveld kiel prelego sub la titolo *Learnable and unlearnable languages*, legebla en la aŭtora retpaĝaro http://home.hum.uva.nl/oz/hengeveldp/.

- La 18an kaj 19an de novembro laborvizitis nian fakgrupon la franca esperantisto Marc Bavant, doktoriĝa kandidato ĉe Kees Hengeveld, direktoro de ACLC kaj kuratoro de nia katedro. La 18an okazis progreskunveno ĉe ACLC (kun mia partopreno kiel asistanto de Hengeveld por la eŭska lingvo, kiu estas unu el la objektlingvoj de la esploro de Marc Bavant) kaj la 19an ni ambaŭ partoprenis en la seminario de ACLC (vidu supre).

- Mia germanlingva prilaboraĵo de *Esperanto: a language made transparent?* sub la titolo *Wenn grammatische Transparenz ein Ziel des Esperanto war…* estis prezentita dum la 20a jarkunveno de GIL en Berlino, la 27an de novembro. Ĝi publikiĝos en la aktoj de la konferenco, kiuj aperos en 2011.

- La 27an kaj 28an de januaro 2011 okazos internacia interdisciplina konferenco en UvA, kunlabore kun la Kulturhistoria Instituto 'Huizinga', pri la temo *European Encounters. Intellectual Exchange and the Rethinking of Europe (1918-1945).* La (anglalingva) konferenco antaŭvidas programeron pri la kontribuo de la Esperanto-movado al la renasko kaj kultura renovigo de Eŭropo post la Unua Mondmilito. La organizantoj sukcesis engaĝi Nikola Rašić kiel preleganton. Nikola estas membro de la interdisciplina esplorgrupo 'Babela Eŭropo'.

- La 7an de februaro mi havos kunvenon kun Kees Hengeveld por plidetaligi la direkton de miaj esplorlaboroj de nun ĝis 2013. Kiel jam anoncite, tiuj esploroj donos la okazon pritrakti Esperanton laŭ la perspektivo de grava nuntempa lingvoteorio, nomata Funkcia Diskursgramatiko Antaŭvideble, la rezultoj de la esplorado donos la okazon publikigi en internacia fakrevuo tripartan anglalingvan esearon pri morfologiaj aspektoj de Esperanto. La celatan enhavon de tiuj studoj ni diskutos pli detale la 7an de februaro. Esperantlingvaj prilaboroj aperos pli malpli paralele dum la plenumiĝo de la tasko.

WJansen

Wim Jansen,
la 6an de januaro 2011

# TRI ALDONOJ al n-ro 13 (1/2011)

**Aldono 1**
*Nederlandse woorden wereldwijd* (Nederlandaj vortoj tutmonde), paĝo 68 kun priskribo de Esperanto, tuj antaŭ la estona, en la listo de 138 lingvoj (ne ĉiuj detaloj sub mia responso):

Nederlandse woorden wereldwijd

**Esperanto**, een 'kunsttaal', in 1887 gelanceerd door de Rus L.L. Zamenhof. Het is de enige kunsttaal met een wereldwijde sprekersgemeenschap van naar schatting twee miljoen sprekers, waarvan 2000 moedertaalsprekers. De taal is ook de enige kunsttaal die in de loop van de tijd een aantoonbare evolutie heeft doorgemaakt. In de gemaakte taal Esperanto is bijna alles geïmporteerd. De oorspronkelijke brontalen van het Esperantolexicon zijn Latijn, Frans, Duits, Engels, Russisch en Pools, met enkele bijdragen uit of invloeden van het Jiddisch, klassiek Grieks en Hebreeuws. De herkomst van veel woorden is meestal redelijk betrouwbaar tot een aantal aannemelijke bronwoorden te herleiden, maar is door Zamenhof of latere schrijvers nooit in detail gedocumenteerd. Sinds de publicatie van de eerste Esperantobrochure door Zamenhof in 1887 is de basiswoordenschat van de taal zeker vertwintigvoudigd en zijn er ook veel termen die direct of indirect uit andere dan de oorspronkelijke brontalen zijn overgenomen. De ontwikkeling van de woordenschat is spontaan en keuzes worden niet door zoiets als een academie gestuurd. In het alfabetisch lexicon zijn 230 Nederlandse leenwoorden in het Esperanto genoemd, veelal via een andere taal (Duits, Frans) overgenomen, bijvoorbeeld *afval, bakboord, berm, boegspriet, edammer, gaffel, harpoen, polder, rotan, schaats* en *takel*. Omdat de taal wereldwijd en over het algemeen als tweede taal gesproken wordt, is hij op de verschillende kaarten in dit boek niet aangegeven.

**Ests**, een Fins-Oegrische taal, verwant aan het Fins en de officiële taal van Estland, met één miljoen moedertaalsprekers. Delen van Estland behoorden in de middeleeuwen tot Polen en Zweden; tussen 1550 en 1710 was de invloed van de Zweedse elite zeer groot. In 1710 werd Estland ingelijfd bij Rusland. Pas in 1918 werd Estland onafhankelijk en werd het Ests voor het eerst een nationale taal. In 1939 werd Estland door de Sovjet-Unie bezet, in de Tweede Wereldoorlog door Duitsland en daarna weer door de Sovjet-Unie. In 1991 werd Estland onafhankelijk. Contacten tussen het Nederlands en het Ests zijn er geweest in de middeleeuwen door de Hanzehandel (zie het Nederduits), en verder indirect via Russisch, Duits, Zweeds en Fins. Met name het verwante Fins heeft voor het Ests, dat zich immers pas laat ontwikkelde tot nationale taal, lange tijd als voorbeeldfunctie

**Aldono 2**

*Nederlandse woorden wereldwijd* (Nederlandaj vortoj tutmonde), paĝo 192, tranĉaĵo el la maldekstra kolumno kun priskribo de la ricevintaj lingvoj de la vorto *bakboord*, inter kiuj aperas Esperanto, kiu ĝin transprenis laŭ la franca *bâbord*:

bak

schip'; BULGAARS *bak* 'voorste gedeelte van (het bovenste dek van) een schip' ‹via Russisch›; LETS *baks* 'voorste gedeelte van (het bovenste dek van) een schip'; LITOUWS *bakas* 'voorste gedeelte van (het bovenste dek van) een schip'.

**bak** 'laadruimte van een kar' → ZUID-AFRIKAANS-ENGELS *bakkie* 'open bestelauto, pick-up' ‹via Afrikaans›.

**bakbeest** 'groot, lomp voorwerp' → DEENS *bagbæst* 'scheldwoord voor onhandig persoon'; NOORS *bakbest* 'scheldwoord voor een bijzonder onwillig persoon of dier' (uit Nl of Nederduits).

**bakboord** 'linkerzijde van een schip' → SCHOTS † *babord, baburd* ‹via Frans›; DUITS *Backbord* (uit Nl of Nederduits); DEENS *bagbord* (uit Nl of Nederduits); NOORS *babord*; ZWEEDS *babord*; FINS *baaburi, paapuuri* ‹via Zweeds›; ESTS *pakpoord* (uit Nl of Nederduits); FRANS *bâbord*; ITALIAANS *babordo* ‹via Frans›; SPAANS *babor* ‹via Frans›; PORTUGEES *bombordo* ‹via Frans›; ROEMEENS *babord* ‹via Frans›; BASKISCH *ababor* ‹via Spaans›; POOLS *bakburta* ‹via Nederduits›; MACEDONISCH *bakbord*; RUSSISCH *bakbórt*; BULGAARS *bakbort* ‹via Russisch›; LETS *bakborts*; LITOUWS *bakbortas*; ESPERANTO *babordo* ‹via Frans›; PAPIAMENTS *bakbort*.

**bakeljauw** 'gedroogde kabeljauw' → NOORS *bacalao* 'Spaans gerecht met klipvis of stokvis' ‹via Spaans›; FRANS † *bacaliau*; ITALIAANS *baccala* ‹via Frans›; SPAANS *bacalao*; PORTUGEES *bacalhau* 'gedroogde vis'; BASKISCH *bakailao* 'gedroogde kabeljauw (Gadus morhua)' ‹via Spaans›; KROATISCH *bakalar* 'gedroogde kalbejauw' ‹via Italiaans›; MACEDONISCH *bakalar* 'gedroogde kalbejauw' ‹via Italiaans›; SERVISCH *bakalar* 'gedroogde kalbejauw' ‹via Italiaans›; MALTEES *bakkaljaw* ‹via Italiaans›; ARABISCH (MSA) *bakalāh* ‹via Italiaans›; BERBICE-NEDERLANDS *bakliau*; SKEPI-NEDERLANDS *bakliau* 'gedroogde kabeljauw, gezouten vis'; SRANANTONGO *batyaw* (ouder: *bákiáu*) 'zoute vis'; SARAMAKKAANS

**Aldono 3**

La katedra kurso de Esperanto, refoje konsistiga elemento en la menuo de la t.n. *Illustere School*, la publika programo de eventoj, prelegoj kaj kursoj proponata de la Fakultato de Humanismaj Sciencoj. La Esperanto-kurso sur paĝo 33 de la broŝuro estas tiu, kiu komencîĝos la 1an de februaro.






Taal- en letterkunde

## Cultuurkunde Italiaans

Hoor- en werkcollege, voertaal Italiaans

Docent dr. Maria Urban
Rooster maandag of woensdag 31 januari - 20 mei, 14.00 - 16.00 uur
Locatie ma. P.C. Hoofthuis, Spuistraat 134, zaal 1.04; wo. Bungehuis, Spuistraat 210, zaal 0.04
Prijs € 200,- / AUV-leden € 180,-

De belangrijkste ontwikkelingen op politiek, sociaal en cultureel gebied in het Italië van na 1861 komen hier aan de orde met onderwerpen als de politieke eenwording van Italië, het fascistische regiem, verzet en bevrijding, de wederopbouw, de politieke omwenteling van de jaren 90 en de huidige politieke situatie. Daarnaast wordt specifiek aandacht besteed aan de Italiaanse film.

## Esperanto

Hoorcollege met practica

Docent prof. dr. ir. Wim Jansen
Rooster dinsdag 1 februari - 17 mei, 11.00 - 14.00 uur
Locatie Bunghuis, Spuistraat 210, zaal K03
Prijs € 225,- / AUV-leden € 202,50

De deelnemer maakt zich de fonologie van deze kunsttaal eigen en bouwt een elementaire woordenschat op. In het bijzonder wordt de deelnemer vertrouwd gemaakt met de agglutinerende morfologie van de taal en met de onbeperkt productieve inzetbaarheid van alle lexicale en grammaticale morfemen voor de vorming van woorden.

## Hettitisch: inleiding in taal en schrift

Hoorcollege

Docent prof. dr. Joost Hazenbos
Rooster De collegereeks vindt gedurende drie weken in maart plaats. In februari is er een kennismakingsbijeenkomst. De precieze data voor zowel deze bijeenkomst als het college worden nader bekend gemaakt
Prijs € 125,- / AUV-leden € 112,50

Het Hettitisch is een Indo-Europese taal en dus interessant als een oude verwant van Grieks en Latijn en zelfs van het Nederlands en Engels. Verder kent deze taal ook eigen literatuur, meer dan 3000 jaar oude wetten, historische teksten, mythes, gebeden, rituelen, enzovoort. In deze collegereeks gaat het vooral om (passieve) taalverwerving van het Hettitisch. Aan het einde komt ook tekstlectuur aan bod.

## Hettitische cultuurgeschiedenis

Hoorcollege

Docent prof. dr. Joost Hazenbos
Rooster De collegereeks vindt gedurende drie weken in maart plaats. In februari is er een kennismakingsbijeenkomst. De precieze data voor zowel deze bijeenkomst als het college worden nader bekend gemaakt
Prijs € 125,- / AUV-leden € 112,50

Deze collegereeks (geen kennis van het Hettitisch nodig) behandelt het leven in het Anatolië van het tweede millennium voor Christus. Omdat de Hettitische geschiedenis geen geïsoleerd fenomeen is geweest, wordt tevens aandacht aan de cultuurhistorische context van het Hettitische rijk besteed: zijn voorlopers, zijn buurvolkeren en zijn opvolgers.